— Bremen'a Junulara E.-grupo „Zamenhof" festis la 22an de Dec. sian unuan kristnaskfeston. Preskaŭ 50 membroj kaj gastoj, geknaboj, sed nur esperantistoj, ĉeestis. Kvar knabinoj prezentis Esperantan teatrajon, kaj sep knaboj ludis germanan teatrajon, kiuj ambaŭ tre plaĉis. La tuta festo pruvis la grandan intereson kaj lernemon de la junularo, kiu volonte ankaŭ korespondus kun samideanoj en aliaj urboj kaj landoj. Adresojn volonte disdonas S-ro P. Günzel, instruisto, Kaufmannsmühlenkamp 38.

**Breslau.** De post Okt.—Nov. 1912 ekzistas en Breslau entute 17 novaj kursoj, inter ili unu en la imperiestra telefonoficejo, sub gvidado de S-ro Arnold Behrendt, nur por poŝt- kaj telegrafoficistoj (36 anoj) kaj Ruĝkruca kurso kun 50 partoprenantoj.

**Bromberg.** La vintra festo de la grupo, la 11an de Jan., estis bone vizitata. Preposto Becker faris tre elokventan paroladon pri la neceseco de internacia lingvo kaj Esperanto. La lokaj gazetoj favore raportis pri tiu festo. Nova kurso komenciĝis kun 19 partoprenantoj sub gvidado de S-ro Szymanowski.

**Burgstädt i. S.** Laborista grupo komencis la 5an de Dec. kurson kun 33 partoprenantoj, gvidatan de S-ro Rauschenbach el Göppersdorf.

**Chemnitz.** Chemnitz'a Esperanto-Ligo havis la 19an de Jan. en la salono de la „Linde" sian kristfeston, en kiu partoprenis multaj esperantistoj el Chemnitz kaj ĉirkaŭaĵo. Diversaj prezentadoj, kantoj, deklamoj amuzis la kunvenintojn; ĉefe interesis la festparolado de la prezidanto de la ligo, instruisto Hahn el Chemnitz-Schönau, kaj la prezentado de teatrajo *„Kunigitaj per Esperanto"*, kiun verkis S-ro Paust. Tre plaĉis ankaŭ la deklamo de kelkaj strofoj el *„Wilhelm Tell"* en germana lingvo kaj Esperanto per 3 knabinoj el la lernejo Schönau-Chemnitz. Per dancado finiĝis la agrabla vespero.

**Danzig.** En la loka grupo nun ekzistas 2 kursoj por komencantoj, unu, kun 17 anoj, gvidata de F-ino M. Schultz, alia, kun 12 gelernantoj, sub gvidado de S-ro K. Mathiak. Kurson por progresintoj, en kiu partoprenas 16 personoj, gvidas F-ino M. Schultz. — La grupo festis sian kristnaskfeston la 21an de Dec., ĉe lumplena abio oni kantis la kristnaskokantojn Esperantajn, la „kristnaska viro" aperis kaj disdonis donacojn, krom tio oni ludis Esperantan teatrajon, kaj muzikaj prezentaĵoj ĝojigis la ĉeestantojn. — La naskiĝtagon de la Majstro oni festis en la ĉiudimanĉa kunveno per parolado, deklamoj kaj kantoj. — La grupo nun eldonas proprajn *„Sciigojn"* por siaj membroj, sub redaktado de S-ro Mierwald.

**Delitzsch.** La loka grupo aranĝis la 17an de Dec. kristnaskfeston, samtempe festante la naskiĝtagon de Dro Zamenhof. Parolado pri la Zamenhof'a kongresparolado en Kraków malfermis la vesperon, poste venis maskita Nikolaso kaj faris ŝercan riproĉparoladon pri la pasinta jaro, kaj lin sekvis anĝelo disdonanta donacetojn al la ĉeestantoj. Inter kantoj kaj muzikaĵoj oni ludis 2 teatrajojn *Ruza Petrinjo* kaj *Naskiĝtago de Karlo;* la laste nomita estas verkita de S-ro Schmiedeberg.

**Dresden.** La jara ĉefkunveno de Societo Esperanto Dresden okazis la 14an de Jan. en „Herzogin Garten". Post la jarraporto de la sekretario, legita de S-ro v. Frenckell, kaj la raporto de la kasisto, la estraro estis senŝarĝigata kaj plene reelektata. — Dimanĉon, la 19an de Jan. la societo festis en la granda salono de „Vereinshaus" sian fondiĝfeston. En la unua parto de l' programo, krom bonege enstuditaj kantoj de la virina ĥoro de l' societo, sub gvidado de F-ino M. Lehner, la koncertkantistino F-ino J. M. Fleischer kantis la arion de Elizabeto el *„Tannhäuser"* kaj kelkajn kantojn de Pellegrini, la fame konata Dresden'a violonvirtuozo, kiu mem ludis kun majstra lerteco muzikaĵojn de Winiawski, d' Ambrosio kaj Jenkinson, akompanata ĉe la fortepiano de S-ro J. Wagner. Plej grandan intereson kaj ĝojegon de la pli ol 500 ĉeestantoj vekis la *„Vizito de la tri reĝoj el oriento"*, verkita de Direktoro Kreidl laŭ ideo de F-ino Käthe Krabbes, kaj en brila maniero ludita de pli ol 30 geŝinjoroj el la Societo. La multaj dancoj, kantoj kaj prezentadoj finiĝis en danco de la 5 mondpartoj, kiujn dancante akiras Esperanto, kaj kiuj kune formis Esperantan stelon. La multaj belegaj kostumoj de la reĝoj kaj ilia sekvantaro donis impreson, ĝis nun verŝajne neniam atingitan ĉe Esp. festo. Riĉa aplaŭdo honoris la elpensintojn de la ideo kaj la bravajn aktorojn. La fino de la programo estis prezentado de la burleskaĵo de Belly *„Sinjoro Herkules"*, kiu estis bone ludata kaj ofte vekis ridegon inter la publiko. Bone provizita tombolo, kies ĉefa gajno estis granda teleraro porcelana, donis okazon por provi sian feliĉon, kaj dancado kunigis la societanojn kaj iliajn gastojn ĝis tre malfrua horo.

Nova kurso, aranĝita de Societo Esperanto Dresden, komenciĝis la 23an de Jan. sub gvidado de S-ro Karsch.

— La Loka Ligo de Dresden invitas al sia jara ĉefkunveno por mardo, la 25a de Febr.

— Esperanta-Unuiĝo de saksaj instruistoj havis la 4an de Jan. en Dresden sian jaran ĉefkunvenon. La raportoj pruvis kontentigan kreskon kaj evoluon de la unuiĝo. La en eksterordinara kunveno en pasinta Septembro decidita eksiĝo el la Saksa Ligo kaj Germana Esperanto-Asocio estis sankciata de la unua kunveno (bedaŭrinde! *Red.*), sed laŭ deziro de kelkaj anoj oni speciale akcentis, ke al la grupoj kompreneble estu rekomendate, iĝi aŭ resti membroj de la diritaj institucioj. La elektoj donis la jenan estraron: 1a prez. S-ro Sykora, vicprez. S-ro Frommelt, kas. S-ro Thiel, sekr. S-ro Schönherr. La venonta ĉefkunveno okazos en aŭtuno 1913 en Chemnitz.

— Okaze de la festo de la naskiĝtago de la imperiestro Wilhelm, en la reallernejo Dresden-Seevorstadt Dro Leonhardt parolis pri la problemo de internacia helplingvo. La parolanto — fervora esperantisto — pruvis la necesecon de tia lingvo, priparolis la postulojn farotajn al ĝi kaj pruvis la eblecon de internacia helpa lingvo per Esperanto.

**Eckernförde.** La antaŭ nelonge fondita grupo aliĝis al Nordalbinga Ligo. La jara ĉefkunveno, kiu akceptis la regularon de la grupo, okazis la 21an de Dec.

**Eisenach.** La 28an de Dec. okazis kristnaska festo de la loka E.-grupo. Meze de Jan. la grupo komencis novan kurson, kiun gvidas la grupestro S-ro Strobel.

**Elberfeld.** La laborista grupo de Elberfeld aranĝis la 8an de Dec. en Langerfeld propagandan

kunvenon. S-ro Molz faris la paroladon. Por kurso enskribis sin 22 personoj.

**Essen (Ruhr).** S-ro Pillath faris la 11an de Jan. propagandan paroladon antaŭ la unuiĝinta instruistaro de Werden kaj Kettwig. La impreso estis favora, kaj multaj instruistoj komencis private studi nian lingvon.

**Eßlingen.** Fondiĝis laborista grupo, nova kurso por laboristoj jus komenciĝis.

**Eutin.** La jara ĉefkunveno okazis la 11an de Jan.

**Frankenberg (Sachs.).** Por la nunjara Saksa Ligotago en Frankenberg oni nun fiksis kiel tagon unu el la unuaj dimanĉoj de Junio. Ankaŭ multe promesantan programon oni kunmetis. La grupo Verda Stelo ricevis de la fama poeto Hermann Sudermann la permeson por traduko kaj ludo de unu el liaj sukcesplenaj verkoj. Malgraŭ la riĉeco de la programo amikoj de naturbelaĵoj trovos sufiĉe da tempo por ĝui la ĉarmoplenan ĉirkaŭaĵon de Frankenberg, nomata „la perlo de la Zschopau-valo", en ĝia printempa ornamo.

**Gleiwitz.** Esperanto-unuiĝo havis la 11an de Jan. sian ĉefkunvenon. La jarraporto estis kontentiga. Dum la pasinta jaro estis aranĝataj 2 kursoj kun bona sukceso, la ekzercadvesperoj estis bone vizitataj, la stato de la kaso kaj la nombro de la anoj estas kontentigaj. Oni decidis, en fino de Jan. ree komenci novan kurson.

**Gommersheim.** Laŭ la novjara elekto la grupa estraro konsistas el S-roj W. Daum, prez., S-ro J. Dreifus, vicprez., F-ino Lisa Daum, sekretariino kaj kasistino (anstataŭ S-ro V. Franck, kiu pro profesiaj aferoj rezignis sian reelekton), S-roj Schmitt kaj Manger, kunsidantoj.

**Gräfeling.** Esperantokurso komenciĝis en la gastejo „Zum weißen Rössel".

**Greifswald.** S-ro Heinrich Bandlow, la verkinto de *Nordgermanaj rakontoj* (Esp. Bibl. Int. No. 22), kiujn esperantigis F-ino Ella Scheerpeltz, nun mem lernas kaj jam bone uzas nian lingvon. Li intencas en Greifswald organizi kurson Esperantan. Multajn gratulojn! — Dank' al klopodoj de poŝtinspektoro Ricke komenciĝis kurso por poŝtoficistoj kun 20 partoprenantoj.

**Hamburg.** La Loka Ligo aŭdis en sia lasta delegita kunveno paroladon de S-ro Weisbart pri lia mondlingva projekto *Eŭropal.* En la diskuto multaj asertoj de la parolinto estis bone kontraŭdirataj kaj Esperanto brile defendata.

— La kunvenoj de „Unua Hamburg-Altona'a E.-Grupo" nun okazas ĉiun duan jaŭdon de la monato.

— La jarkunveno de la grupo „Progreso" okazis la 5an de Dec. La raportoj de la estraro estis sufiĉe kontentigaj. Amuza vespero, aranĝita ĉe lumigita abio, havis tre bonan sukceson.

— Sian unuan jarkunvenon havis la 9an de Jan. la „Hamburg'a E.-klubo de 1912". S-ro Hoffmeister faris la raporton, kiu montris konstantan kreskon de la klubo dum la pasinta jaro. Estis elektataj S-ro Hoffmeister kiel prez., S-ro Král kiel kasisto kaj S-ro Funke kiel sekretario. Oni decidis aboni ambaŭ eldonojn de *Germana Esperantisto* kaj la jurnalon *Esperanto*, aĉeti diversajn verkojn por la biblioteko kaj anonci novan kurson senpagan.

Kursoj por komencantoj kaj progresintoj komenciĝis la 16an de Jan.

**Hirschfelde.** Kurso por komencantoj komenciĝis sub gvidado de S-ro Pfennigwerth la 25an de Jan.

**Kassel.** Laborista grupo havis en Dec. sian jaran ĉefkunvenon. El la jarraporto estas citinde, ke la grupo havis dum la somero kelkajn propagandajn ekskursojn kaj en Nov. amuzan vesperon. En Okt. komenciĝis kurso kun 22 gelernantoj, kaj en Jan. malfermiĝis nova kurso.

**Königsberg (Pr.)** La nove fondita grupo Verda Stelo havis la 16an de Jan. sian unuan kunvenon, en kiu D-ro Nitz parolis pri la celo de la nova unuiĝo: la enkonduko de E. en la komercan vivon. — Novaj kursoj komenciĝis la 13an de Jan.

**Leipzig.** La Esperantaj grupoj de Leipzig unuiĝis Dimanĉon, la 26an de Jan. por „nuresperanta kunveno". La kunvenon en „Schloß Ritterstein" partoprenis krom multaj Leipzig'aj gesamidenoj ankaŭ esperantistoj el Delitzsch, Halle, Merseburg, Leisnig, Wurzen, Chemnitz kaj Dresden. Je la 11a instruisto Degen el Leipzig malfermis la kunvenon per salutoj de la ĉeestantoj, S-ro Johannes Karsch transdonis laŭ komisio de S-ro von Frenckell salutojn kaj bondezirojn de la Saksa Ligo kaj de Germana Esperanto-Asocio kaj atentigis je la nun fiksitaj datoj de la nunjaraj kongresoj. Poste la prezidanto donis la parolon al supera instruisto Schmiedeberg el Delitzsch. La parolanto en tre detala kaj klara maniero donis bildon de la ekzistantaj organizaĵoj Esperantaj, defendis ilin kontraŭ riproĉoj kelkfoje farataj al ili kaj rekomendis plej varme aliĝon unue al la grupoj, per ili al la naciaj asocioj, de kiuj la ligoj estu subpartoj, kaj poste al mondorganizo. Resumon de la tuta parolado donis la parolanto en kelkaj tezoj, kiuj parte estis diskutataj kaj fine akceptataj de la kunvenintoj. S-ro Karsch atentigis speciale ankoraŭ pri la graveco de U. E. A. (pri kiu la parolinto pro la mallongeco de la tempo ne povis multe paroli), kaj la kunveno estis fermata ĉirkaŭ la 1½a. Post komuna tagmanĝo, vizito de la nova ĉefstacidomo kaj de la „Völkerschlachtdenkmal" komenciĝis je la 4a ptm. amuza parto, en kiu krom prezentado de la teatraĵo *„Esperantistoj ne estas fremduloj"* de Gertrude Jakobi estis montrata *„Internacia balo"*, meĥanika ludaĵo de S-ro Heynold kun laŭportretaj pupoj de konataj esperantistoj, vestitaj de F-ino Heyne. Kantoj de S-ro Steyer, deklamoj kaj legadoj de S-roj Degen kaj Karsch plenigis la programon de tiu efektive nuresperanta kunveno.

— Societo Leibniz aranĝis la 15an de Jan. kristnaskfeston en intima rondo kun diverslingvaj kantoj kaj aliaj prezentaĵoj. Novaj kursoj aranĝitaj de la grupoj Leibniz kaj Zamenhof komenciĝis.

**Lübeck.** Societo Esperanto festis la 13an de Dec. kristnaskfeston kune kun fondiĝfesto de la teknikista grupo kaj festo pro la naskiĝtago de Dro Zamenhof. Multaj prezentadoj, donacloterio kaj danco bone amuzis la ĉeestantojn.

— La Seminar-grupo havis la 19an de Dec. sian jarkunvenon. La ĝisnuna estraro estis reelektata. Oni decidis liveri al ĉiu membro eldonon B de G. E. La kurso por komencantoj estas regule bone vizitata; multaj el la partoprenantoj nun aliĝis al la grupo.

**Magdeburg.** La tiea Esperanto-grupo komencis la 6an de Jan. kurson por komencantoj.

**Memmingen.** Prezidanto de la grupo estas nun advokato Franz Goldbach.

**Neukölln.** La grupo abonis ĉe „*Neuköllner Zeitung*" anoncon kun kliŝaĵo, aperantan 4foje en ĉiu semajno kaj invitantan al lernado de E. kaj vizito de la grupo. Montriĝis jam la efiko de tia konstanta anoncado per diversaj aliĝoj al la kurso komenciĝonta en Febr.

— Instruisto Wittbrodt faris la 13an de Jan. propagandan paroladon en kunveno de Ruĝkrucanoj. La kunveno estis bone vizitata, anoncis sin kelkaj personoj por la kurso.

**Nossen.** La Nossen'a Esperanto-Unuiĝo festis la 25an de Jan. sian 4an fondiĝfeston. La salono de „Deutsches Haus" estis sufiĉe plenigita de membroj kaj gastoj, la festparoladon faris S-ro Johannes Karsch el Dresden pri la Oka Kongreso de Esperanto kaj la urbo Kraków, prezentante belegan serion da lumbildoj pri la kongresurbo. Riĉa aplaŭdo pruvis, ke la parolado trovis la intereson de la ĉeestantoj. Per dancado finiĝis la festo.

**Nürnberg.** La 4an de Jan. okazis en la klubejo de la Fürth'a grupo la unua ĉi-jara kunveno de la „Nürnberg-Fürth'a Kartelo". S-ro Leu el Fürth gvidis la kunvenon, kiu pritraktis la preparojn por la en Nürnberg okazonta Ligotago de la Bavara Ligo.

**Offenbach (Main).** La 9an de Jan. okazis la jara ĉefkunveno de la grupo. S-roj Maurer kaj Gier faris la raportojn pri la antaŭjara vivo de la grupo. Estis reelektata la ĝisnuna estraro, S-roj Maurer, Gier kaj Keim. Nova kurso, gvidota de S-ro Straube, baldaŭ estos aranĝata.

**Osnabrück.** Esperanta filantropa Societo Leo Tolstoj anoncis novan kurson komenciĝintan fine de Jan.

**Potsdam.** La ĉefkunveno de la grupo okazis la 8an de Jan. Oni elektis:, prez. S-ron Markau, vicprez. S-ron Neuber, sekr. S-ron Bruhn, kas. F-inon Schönemann, bibl. S-ron Wildt. La grupo nun havas 28 membrojn. Kurso gvidata de instruisto Markau komenciĝis la 14an de Jan.

**Regensburg.** La en aŭtuno komenciĝintaj kursoj bone progresas kaj baldaŭ estos finitaj. — En Regensburg'a gazeto oni publikigis sciigon pri rekomendo de lernado de E. per la prusa ministerio por militaferoj. Laŭ niaj informoj tio ne estas vera. Enmondigo de tiaj nekontrolitaj sciigoj tre malutilas nian movadon.

**Rheine (Westf.).** La ĝenerala kunveno de la grupo estis aranĝita la 19an de Dec. Kiel prezidanto estis elektata inĝeniero H. Albrecht, sekr. S-ro A. Müller, kas. kaj bibl. S-ro H. Hagemann. Kurso por komencantoj okazas ĉiulunde sub gvidado de S-ro Albrecht, perfektiga kurso, sub S-ro Hagemann, ĉiujaŭde.

**Rostock (Mecklb.).** En la monata kunveno en Dec. S-roj Leopold kaj Ohms estis elektataj kiel kasrevizoroj.

— Laborista grupo havis la 12an de Dec. sian ĉefkunvenon.

— Sub la nomo „Esperantujo" fondiĝis rondo de esperantistoj apartenantaj al ambaŭ grupoj de R. Ĝi kunvenas en „Helds Wintergarten" kaj parolas en siaj kunvenoj nur Esperante.

**Saarbrücken.** Fondiĝis grupo de G. E. A. sub gvidado de poŝtsekretario Johannes May.

**St. Ingbert.** La 16an de Jan. okazis la ĉefkunveno de la grupo. S-ro Omlor interese parolis pri la nuna stato de la Esperanta movado ĝenerale kaj la laboro de la grupo speciale. Oni elektis la jenan estraron: prez. S-ro August Omlor jr., kas. kaj sekr. S-ro J. Omlor, bibl. S-ro Beetz, plue S-roj Bayer, Obert, Kirsch, Weiß kaj Zeitlinger.

**Schönau - Chemnitz.** Vere „granda rondo familia" festis Kristnaskon en la lernejo de Schönau-Chemnitz, ĉar pli ol 40 junaj geesperantistoj ĉeestis. Dank' al la helpo de kelkaj sindonaj gesamideanoj estis eble al la „familia patro", instruisto Hahn, donaci al ĉiu infano pakaĵeton enhavantan libretojn, gazetojn, Esp. poŝtkartojn ktp. laŭ ĉies lerteco kaj diligento. Krom tio ĉiu ricevis bildon de Dro Zamenhof. Post mallonga parolado kristnaska la infanoj faris al sia instruisto grandan ĝojon per la donaco de belega Esperanta verko. Grandan dankon meritas la grupo Verda Stelo en Frankenberg, kiu al ĉiu infano donacis la verketon *Fabeloj de Andersen* el la Esp. Bibl. Int.

**Stuttgart.** Kursoj estas aranĝotaj por komencantoj (S-ro Leyrer) kaj progresintoj (Prof. Christaller). — Prof. Christaller faris la 17an de Dec. en kunveno de Monistoj propagandan paroladon, kiun sekvis interesa diskuto.

**Waldenburg (Schlesien).** Komenciĝis kurso por laboristoj.

**Warnemünde.** Esperanto-gastotablo aranĝis la 10an de Dec. belan kristnaskfeston kun multaj kantoj kaj prezentadoj. Saluttelegramo estis sendata al la grandduko de Mecklenburg.

**Wechselburg.** Tie fondiĝis en la pasinta jaro loka grupo esperantista, kiu aranĝis la 20an de Okt. festvesperon kun kantoj, deklamoj kaj teatraĵo. La aranĝinto, grafa sekretario Sämmer el Wechselburg, parolis pri la esenco kaj disvastiĝo de E. La festo estis bonege vizitata, per dancado finiĝis la sukcesplena vespero. En Nov. komenciĝis kurso kun 14 anoj, instruanto estas S-ro Sämmer.

**Weida.** Dimanĉon, la 29an de Dec. S-ro Uhlitzsch el Gera aranĝis en Weida kunvenon de gesamideanoj el Gera, Weida kaj Seelingstädt. S-ro Uhlitzsch faris humorplenan paroladon en Esperanto, kelkaj poemoj estis deklamataj kaj agrabla interparolado kunigis la ĉeestantajn eble 30 personojn en plej bona humoro.

**Zittau.** Societo Esperanto festis la 11an de Jan. kristfeston samtempe kun postfesto je la naskiĝtago de la Majstro. Paroladoj, deklamoj, loterio kaj dancado tre bone amuzis la ĉeestantajn anojn kaj gastojn. — *Zittauer Morgen-Zeitung* elmetis en sia montra fenestro ilustritajn poŝtkartojn, kiujn S-ro König ricevis de bulgara esperantisto, nun estanta en la balkana milito. Tiuj kartoj vekis grandan intereson por E. inter la rigardantoj.

## Aŭstrio.

**Graz.** La du tieaj Esperanto-Societoj festis la 20an de Dec. tre belan kristnaskfeston per kantoj, deklamoj kaj diversaj paroladoj. Speciale oni honoris la jus doktoriĝintan S-ron Rudolf Pettera, kiu estas la fondinto kaj nun dua prezidanto de „Steyrischer Esperantistenverein".

**Jablunkau.** Kurso kun 30 anoj estas gvidata de S-ro Haueisen.

**Leoben.** La 17an de Dec. fondiĝis grupo, la estraro konsistas el S-roj Urschitz, Kowatschitsch kaj Wimmer.

**Orlau.** Tie S-ro v. Lidl gvidas kurson.

**Tetschen.** La tiea grupo festis la 17an de Dec. la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof. Kurso okazas ĉiuvendrede kun 50 partoprenantoj sub gvidado de S-ro Raszka.

**Tetschen-Bodenbach.** La grupo aranĝis silvestran feston kun Esperantaj prezentajoj kaj tombolo.

**Trofaiach.** La 26an de Dec. estis aranĝita kune kun la grupo en Leoben bela kristnaskfesto, en kiu S-ro H. von Luerwaldt faris la ĉefan paroladon. Kantoj kaj deklamoj plibeligis la vesperon. Kurso komenciĝis denove.

**Villach.** En Jan. fondiĝis Esperanto-unuiĝo por Kärnten.

**Wien.** Akademia Esperantista Unuiĝo aranĝas dum la studa jaro 1912/13 paroladojn pri la mondlingva demando kaj E., la 20an de Nov. komenciĝis ankaŭ kursoj por studentoj en la universitato kaj en la teknika supera lernejo. La kursoj estas gvidataj de S-ro Glück. — Nova kurso por komencantoj, gvidata de Dro Weiss, komenciĝis la 27an de Nov. en „Esperanto-hejmo". — La 14an de Dec. kolektiĝis la anoj de ĉiuj Wien'aj Esperanto-grupoj, por festi la naskiĝotagon de Dro Zamenhof. S-ro Wortmann faris la festparoladon, speciale akcentante la necesecon de Esperanto por la multlingva kaj multnacia aŭstria-hungara monarĥio. La ĉeestantaj reprezentantoj de diversaj nacioj en postaj paroletoj konsentis kun S-ro Wortmann. La vespero estis plibeligata per diversaj prezentajoj, speciale per kantoj de la Wien'a Esperanto-virĥoro.

— Esperantista Unuiĝo havis la 6an de Dez. amuzan vesperon, la 13an de Dec. S-ro Seyferth deklamis versojn de Schiller, en Esp. traduko de S-ro Zwach, la 27an de Dec. la grupo festis la jarfinon en plej bona humoro.

— Nove fondiĝis E.-grupo sub la nomo „Esperanto-rondo en Wien III".

— Fondiĝis en Wien IV, Wiedner Hauptstraße 51, firmo nomita „Erste Wiener Versand-Unternehmung Esperanto für Hausbedarfsartikel" (Unua Viena dissend-entrepreno E. por domaj bezonajoj).

## Svislando.

**Bern.** La 1an de Dec. okazis tie en Hotelo „Simplon" kunveno de la estraro de Svisa Esperanta Societo kaj de delegitoj de la grupoj apartenantaj al la Societo. Oni povis konstati, ke la Esperantomovado en Svislando bone marŝas antaŭen, kaj ke ankaŭ la gazetaro pli favore akceptas notojn kaj artikolojn pri E. — En la kunveno ĉeestis kiel gasto S-ino Dro Biske el Spaa, nun loĝanta en Genève.

— La preparoj por la 9a Universala Esperanto-Kongreso vigle komenciĝis. — La 14an de Jan. S-ro Schmid faris propagandan paroladon en la poŝtoficista unuiĝo Bern. Aliĝis al kurso 42 poŝtoficistoj, tiel ke oni povos starigi tute Esperantan poŝtoficejon por la daŭro de la kongreso.

**Burgdorf.** La kursanoj ĝojige progresas en siaj scioj de E., kaj ankaŭ en la grupo regas vigla vivo.

**Davos-Platz.** Internacia Esperanto-Klubo Davos regule kunvenas, ĉiudusemajne okazas Esp. paroladoj. Dum la lasta kunveno S-ro D-ro zool. Marchand parolis pri „Alpfloroj" kaj montris multajn kolorigitajn bildojn. La nomita S-ro, naturscienculo kaj subdelegito de U. E. A. por Davos-Dorf, estas preta, doni al esperantistaj studentoj, kiuj deziras fari geologiajn, botanikajn aŭ zoologiajn studojn en la Davos'a regiono, modestan laborejon, uzadon de instrumentoj kaj laŭdezire fakan instruadon. Pro la kondiĉoj oni skribu al „Internacia nuturscienca Instituto" Davos-Dorf.

**Lausanne.** La kunvenoj de la grupo okazas ĉiun duan kaj kvaran lundon (ne merkredon) de l' monato en la komerca lernejo.

**Luzern.** La gazetoj „*Fremdenblatt*" kaj „*Süd und Nord*" regule enhavas E.-rubrikon.

**Rorschach.** En la grupejo de la esperantistoj de Rorschach, restoracio „Schäflegarten" estas regule elmetataj la gazetoj *Germana Esperantisto, Svisa Espero, Monda Poŝto,* la Esperanto - rubriko de *Schweizerische Bürgerzeitung* kaj de nun ankaŭ la jurnalo *Esperanto* (U. E. A.).

**Samaden.** Kurso kun 8 partoprenantoj komenciĝis.

**Thun.** Okazis je la honoro de la estro de la laborista grupo Braunschweig, de kelkaj semajnoj restadanta en Thun, ekskurso de la grupanoj al Oberhofen.

**Zürich.** La kurso por komencantoj baldaŭ finiĝos, kaj novaj kursoj komenciĝos. — Antaŭ nelonge fondiĝis tie Laborista Esperantogrupo. Bone vizitata kurso komenciĝis.

*J. K.*

# 80-jara pioniro de Esperanto.

La 8an de Februaro Felix Moscheles, unu el la plejaĝuloj inter la esperantistoj, festas sian 80an naskiĝtagon.

Kiu jam partoprenis Universalan Kongreson de Esperanto, certe rememoros la junulon kun la blankaj haroj, kun la ĉiam afabla, serena mieno, kiu, akompanata de sia ĉarma kaj fervora edzino, neniam laciĝis propagandi Esperanton. Speciale tiuj samideanoj rememoros la du admirindajn homojn, kiuj post la kongreso de Cambridge povis pasigi kelkajn horojn en la ĉarma, bela, arta hejmo „Grelix" de la pentrista, pacifista kaj esperantista paro Felix kaj Grete Moscheles en London.

Jen la tri idealoj, al kiuj Moscheles dediĉis sian vivon, kaj por kiuj li, la kuraĝa antaŭbatalanto de ĉiu progreso, laboras kun entuziasmo kaj sukceso.

Same kiel li, kiu unue enkondukis baroninon de Suttner en la pacifisman movadon, propagandas por Esperanto inter la pacifistoj, tiel li, la amiko de nia Majstro, varbas por la paco inter la esperantistoj. Ni esperantistoj povas esti fieraj, ke viro, ŝatata en la tuta mondo, kia Moscheles estas, aliĝis al nia movado. Ni dankas al li pro lia laboro por Esperanto, kaj okaze de la 80a datreveno de lia naskiĝtago ni esprimas la sinceran deziron, ke lia koro kaj lia humoro restu ankoraŭ por longa tempo tiel juna kaj gaja kiel nun! *Dr. Ad.*

# 3a Tutaŭstria Esperanto-Kongreso en Graz.

## 10a—13a de Majo 1913.

La politika situacio ĝis nun iom malhelpis la preparajn laborojn de la komitato. Jam ŝajnis, ke la kongreso ne povus okazi. Sed nun, post kiam venis pli trankvila tempo, oni kun nova fervoro komencis la preparon de la 3a tutaŭstria kongreso en Graz. Ĝi okazos de la 10a ĝis 13a de majo, sed tiamaniere, ke la oficiala malfermo de la kongreso estos dimanĉe, la 11an de majo. En la venonta numero ni eble jam povos publikigi la provizoran programon.

La loka organiza komitato konsistas el 12 personoj.

La kongresa kotizaĵo estas fiksita je 4 Kr.; ĉiu kongresano senpage ricevas ilustritan gvidlibron Esperantan tra Graz; familianoj pagas nur 2 Kr. kaj ne ricevas la gvidlibron. La gvidlibro jam estas en preparo kaj aperos almenaŭ ĝis Aprilo. En Januaro komenciĝis en Graz kelkaj kursoj, i. a. ankaŭ por policanoj kaj kelneroj.

Pri paroladoj, fakaj kunsidoj ktp. oni jam nun bonvolu sciigi la komitaton, pro starigo de la programo; sian partoprenon ĝis nun anoncis 30 personoj. Ni petas la gesamideanojn, kiel eble plej baldaŭ anonci la partoprenon, por plifaciligi la preparajn laborojn. Nur amaso da kongresanoj povos garantii sukceson de la kongreso.

Por sendo de mono oni uzu poŝtŝparkasan transpagilon, kiun oni laŭdezire senpage povas ricevi de la komitato.

La adreso de la loka organiza komitato nun estas: Graz, Wielandgasse 42.

Ia listo de la donacoj por la kongresa fondo: F-ino Ella Scheerpelz, Wall. Meseritsch, 20.— Kr.; Generalo Viktor Zimmermann, Graz, 16.— Kr.; Kortega konsilanto prof. Theodor Fuchs, Wien, 6.— Kr.; Dro J. Werber, Wien, 6.— Kr.; Supera inspektoro Albin Tindl, Wien, 2.— Kr.; Paul Spalke, Graz, 1.— Kr.; S-ino Ella Morawetz, Graz, 1.— Kr.; S-ino Johanna Sartory, Graz, 1.— Kr.; Ignaz Frauwallner, Graz, 1.— Kr.; Peter K. Geier, Graz, 1.— Kr.; Sume Kr. 55.—.

Korege dankante ni ĝentile petas, daŭrigi la donacojn por la kongresa fondo.

*Loka organiza komitato.*

# ≡ Diversaj informoj ≡

## Internacia Konkurso de Stampoj

### organizita de „Olota Stelo" (Olot, Katalunujo).

La grupo „Olota Stelo" aljuĝos:

1e Premion al la esperantista societo aŭ grupo, kies stampo havos plej grandan artan valoron.

2e Premion al la esperantista societo aŭ grupo, kies stampo plej bone simbolos la ideon de Esperanto.

(La premioj konsistos el: Diplomo, Memorigaĵo-Jarlibro de la Kongreso, Jarabono je *„Kataluna Esperantisto"*.)

3e Honoran diplomon al la aŭtoroj de la premiitaj stampoj.

**Notoj.**

1. „Olota Stelo" rajtigas la juĝantojn aljuĝi tiom da mencioj, kiom ili opinios necesaj (Diplomo, Memorigaĵo-Jarlibro de la Kongreso).
2. La konkursantaj stampoj devos esti stampitaj sur kartoneto en formato poŝtkarta!
3. Ili devos esti senditaj antaŭ la 1a de Marto 1913.
4. La stampo de „Olota Stelo" ne partoprenos la konkurson.
5. La senditaj stampoj estos elmontrataj dum la Kongreso.
6. La atesto pri ricevo kaj la juĝo aperos en la gazeto *„Kataluna Esperantisto"*.
7. La stampoj kaj korespondaĵoj pri la konkurso devos esti sendataj al la Prezidanto de la Organiza Komitato, S-ro Pere Roqué, strato Pardal, 13, Olot (Katalunujo-Hispanujo).
8. La juĝantaro konsistos el la jenaj sinjoroj: *Prezidanto:* S-ro Anton Serra, Direktoro de la fabrikejo de Ceramiko „La Cermelitana". *Vic-Prezidanto:* S-ro Melcior Domenge, direktoro de la Akademio de Belartoj kaj Industriartoj en Olot. *Sekretario:* S-ro Martí Casadevall, skulptisto en la laborejo „Las Artes Religiosas". *Vic-Sekretario:* S-ro Mariano Batlle, subdirektoro de la „Arte Cristiano" kaj fotografa kritikisto. *Membroj:* S-ro Josep Berga, direktoro de la „Lernejo de Belartoj", vic-prezidanto de la Komitato de la Muzeo-Biblioteko de Olot, Akademiano de la Reĝa Akademio de Belartoj de Sankta Ferdinando en Madrido. S-ro Toribio Sala skulptisto en „El Sagrado Corazón". S-ro Josep Ma Garganta, prezidanto de „Olota Stelo" kaj de „Ĝ. E. L." S-ro Manel Prat, sekretario de „Olota Stelo" kaj de „Ĝ. E. L." S-ro Josep Boix, vic-sekretario de „Olota Stelo".

Por la Organiza Komitato

*La Prezidanto* Anton Fortet — *La Sekretario* Pere Roqué

Okaze de la 4a Kongreso de la „Kataluna Esperantista Federacio" kiu havos lokon en Olot, la grupo „Olota Stelo" organizos gravan ekspozicion Esperantan de revuoj, broŝuroj, verkoj, fotografaĵoj de membroj de grupoj, ktp., kaj ĝi petas ĉiujn grupojn kaj samideanojn, ke ili helpu al la sukceso, sendante esperantaĵojn al la Sekretario de la Organiza Komitato de la Stampa konkurso S-ro Pere Roqua — Pardal, 13, Olot, (Katalunujo-Hispanujo).

## Peto!

La ĉi-tiea grupo intencas komenci en la plej proksima tempo novan Esperanto-kurson por komencantoj. Ĉe la urbestraro ni volas peti pri senpaga disponigo de lernejĉambro. Pro tio ni bezonas nomojn de lokoj, kie oni jam disponigis tiajn ĉambrojn, kaj

ni afable petas la samideanojn, helpi nin sendante al ni sciigojn pri la dirita afero.

Kun antaŭdanko
G. E. A.-Grupo St. Ingbert.
*Aug. Omlor jr.*, prezidanto.

## Peto al la saksa esperantistaro!

La arangontoj de Esperantaj kursoj, grupoj kaj ankaŭ izolituloj, en ĉiuj saksaj lokoj, kie estas katolikoj, estas insiste petataj, sciigi al la ĉi-sube nomita ĉefdelegito, kiam ili intencas komenci novan lernkurson. La saksa branĉa unuiĝo de la I. K. U. E. zorgos tiam por tio, ke la geinteresuloj inter la saksaj katolikoj estu atentigataj pri la komencota kurso per la saksa popola gazeto en Dresden. (Adreso por la sciigoj: grafa privat-sekretario Sämmer-Wechselburg.)

*La saksa branĉa unuiĝo de la I. K. U. E.*

## El la esperantista vivo.

Sinjoro Désiré Hallet, direktoro de la Centra Komerca Oficejo en Charleroi (Belgujo) kaj de „*La Bulteno*", konsulo de U. E. A. edziĝis kun Fraŭlino Alice Morgenthaler, sekretariino de la Esperantista Grupo en La Chaux de Fonds (Svisujo).

Ni kore gratulas la novajn geedzojn kaj deziras al ili ĉion bonan!

Sinjoro Jan Daniel van den Eijnde kaj Sinjorino Dina Klaassen festos en Harlem, la 22an de Februaro, sian dudek-kvin-jaran edziĝofeston. Koran gratulon! *G. E.*

## Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas ricevebiaj per:*
Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

Recenzoj pri duoble ricevitaj verkoj aperas ĝenerale nur en Eldono B.

**Lingvaj Respondoj** (nova serio) de Dro L. L. Zamenhof. (Esperantista Dokumentaro, kajero dudeka). — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 0.375 Sm. [63

***Bibliografio de Esperanto**. Parto unua: Libroj verkitaj en Esperanto aŭ pri Esperanto. *Volumo unua:* Biografiaj notetoj pri libroj publikigitaj de 1887 ĝis 1903 kun tabeloj alfabeta kaj metoda. (Esperantista Dokumentaro, kajero dek-sepa). — Esperantista Centra Oficejo, Paris. 0.900 Sm. [56

***Dictionnaire Complet Français-Esperanto.** Par E. Grosjean-Maupin. (Kolekto de „La Revuo".) — Hachette & Cie, Paris. 2.750 Sm. [51

***The Esperanto-English Dictionary.** Compiled by Edward A. Millidge. — Stead's Publishing House kaj British Esperanto Association, London. Prezo ne montrita. [57

***Tra l' silento.** Elektitaj poemoj de Edmont Privat. — Universala Esperantia Librejo, Genève, kaj Moskva Librejo „Esperanto", Moskva. 0.600 Sm. [61

***Gyakorlati Esperanto Nyelvtan tiz leckében.** Hungara Esperanto-gramatiko en dek lecionoj. Laŭ la libro de Cart verkita de Adolf Altenburger (3a eldono). — Ludoviko Kókai, Budapest. 0.450 Sm. [53

***Kulcs** (Ŝlosilo) al la supre montrita hungara gramatiko de Altenburger. — Ludoviko Kókai, Budapest. 0.225 Sm. [60

**Ekonomio Socia**, kio ĝi estas kaj kion ĝi instruas. De D-ro J. B. Marchlewski. Laŭ la pola eldono esperantigis Emilo Pfeffer. (Esperanta Scienca kaj Literatura Libraro No. 1.) — Esperanta Eldona Societo, adr.: S-ro Antoni Czubryński, Strato Retoryka 10, Kraków (Aŭstrio-Galicio). 0.100 Sm. [40

**Manuale Completo** per lo studio della lingua internazionale Ausiliaria **Esperanto.** (2a eldono 11a milo.) Verkis Dro A. Stromboli. — Cooperativa Esperantista Italiana, Genova, Salita Pollaiuoli 13—4. 0.400 Sm. [42

**Miedzynarodowy jezyk pomocniczy a Esperanto.** (La internacia helplingvo kaj Esperanto.) Pola eldono de la germana broŝuro de Prof. D-ro Wilhelm Ostwald, tradukita de Emil Pfeffer. (Biblioteko por propagando de Esperanto en Polujo, No. 2.) — Gebethner i Wolff, Warszawie. Prezo 0.20 kop. (0.200 Sm.). [9

**Curso Elementar de Esperanto** por M. Mendes e C. Fernandes. — Brazila Ligo Esperantista, Avenida Rio Branco 153, Rio de Janeiro. 1 Sm. [49

## Diversaj eldonaĵoj.

***Katalogo No 1 de Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestr. 40.** 40-paĝa libreto, montranta ĉiujn literaturajojn Esperantajn, haveblajn per la firmo.

**Gvidfolio tra Kotka kaj ĉirkaŭaĵo.** Eldonita de la Societo Esperantista en Kotka (Finnlando), sub la aŭspicioj de U. E. A.

**Esperanta Prezaro No. 104 de E. Neumann & Co.**, kortegaj liverantoj, Dresden-N., Kaiserstr. 5, fabriko por kotilonaĵoj kaj karnavalaĵoj, maskoj kaj teatraj kostumoj, iluminaciaĵoj kaj dekoraciaĵoj. Eldonejo de teatraĵoj. 16-paĝa kun multaj figuraĵoj.

**Esperantaj Sigelmarkoj,** eldonitaj de Fr. Seybold's Buchhandlung, Ansbach. Grandeco 4 · 5½ cm; blukolora kun virina figuro kaj verda stelo. Prezo po 100 pecoj 0.500 Sm.; grupoj ricevas rabaton, se ili revendas la markojn.

**Esperantaj Sigelmarkoj,** eldonitaj de Nordalbinga Esperanto-Ligo. Formato ronda, diametro 2½ cm; verda, kun Esp. stelo sur blanka meza fondo; teksto: Esperanto, Lingvo Internacia. — Haveblaj ĉe S-ro H. Böbs, Lübeck, Getrudenstr. 17. Prezo po 100 pecoj 0.200 Sm.

## Redakciaj respondoj

**Herrn Z. in G.** Auch Sie sind entrüstet darüber, daß die Idisten im Trüben fischen wollen, indem sie Ihnen „Idajoj" zugesandt haben? Aber warum denn, Verehrtester? Da Sie einen so praktischen Gebrauch von den Ihnen geschickten Drucksachen gemacht haben, sollten Sie den Herren dankbar sein; Brennmaterial ist doch bei den jetzigen Zeiten so teuer, daß man sich über jedes bischen, das man umsonst bekommt, nur freuen kann. — Sollte die Deutsche Warte wieder einmal ein Preisausschreiben erlassen, so werden wir die Redaktion bitten, die Namen aller Teilnehmer, nicht nur die der Gewinner, mit genauer Adressenangabe zu veröffentlichen, damit noch mehreren die Ihnen gewordene Gratislieferung zuteil wird. — Zum Vergnügen und auch zu Nutz und Frommen unserer Leser geben wir hier Ihre Verse, mit denen Sie der Ido-Geschäftsstelle den Empfang der „Idajoj" bestätigten, wieder, wenn sie auch etwas „knittelig" sind:

Oh, ein zu fauler Witz, Herr Fasse,
Gehöre nicht zur Ido-Rasse!
Soll werden ich Idiste?
Das wär' doch gar zu triste!!
Was fünfundzwanzig Jahre lebte —
Und vieler Tausend Herz durchbebte —
Das bleibt für alle Zeiten,
Doch Ido — geht „bald" pleiten!
Nichts nutzt dem Ido „Simulieren"
Und — sich mit fremden Federn zieren;
Kalt läßt uns solche Mache —
Der Sieg wird uns're Sache!!
Für Eure Sendung muß ich danken.
Hört, was ich machte, ohne Schwanken —
's ist wirklich ungeheuer:
Warf alles flugs in's Feuer!
Probat' Rezept für „Id'-Bazillen",
Wenn auch nicht ganz nach Idos Willen.
Wir bleiben Esperantisten —
Das merket Euch, Id'st'en!!

# Oficialaj sciigoj de Germana Esperanto-Asocio (G. E. A.)

**Deutscher Esperanto-Bund (Eingetr. Verein).** Geschäftsstelle: **Dresden-N., Hauptstr. 38.**

Für den offiziellen Teil verantwortlich: K. v. Frenckell, Dresden.

## *Zirkular Nr. 7.*

### 58. Dediĉaĵo.

Post la kongreso en Danzig-Zoppot ni decidis, kiel tributon de nia dankemo kaj videblan signon de nia amo, dediĉi al nia kara Majstro lukse binditan honoran ekzempleron de la tiel prosperinta kongreslibro. La afero ne estis tiel simpla, kiel ŝajnis. Ĉar por ŝpari al la Majstro la timotajn ĉikanojn de la limdepagejo kaj eble eĉ la danĝeron de policaj paŝoj, ni, avertitaj de bonaj amikoj, ne riskis, transsendi la libron senpere. Feliĉe ni trovis fidelan perulon kaj prosperis, havigi al la Majstro la dediĉajon senĉikane kaj sendanĝere. El lia respondo ni povas vidi, ke nia donaco faris al li veran ĝojon. Jen lia letero al nia prezidanto:

Dro L. L. Zamenhof.
Varsovio, str. Dzika No. 9

Kara sinjoro!

Kun vera plezuro mi ricevis la belan libron de la kongreso Danzig-Zoppot. Volu akcepti mian plej koran dankon. La libro estas bonega kaj atestas la agemecon de la Germana Esperanto-Asocio.

Mi esperas, ke la Asocio ĉiam pli kreskos kaj floros. Via

(subsk.) *Dro Zamenhof.*

Ni niaflanke komunikas tiun ĉi honorigan leteron kun ĝojo al nia anaro kaj esperas, ke ĉiuj, kiuj fidele kunlaboris ĉe nia kongreso, estos rekompencataj per la laŭdo de nia kara Majstro. Ni daŭrigu kaj duobligu niajn klopodojn, por ke liaj esperoj baldaŭ kaj perfekte realiĝu.

•

### 59. Prüfungsordnung.

Die Sonderabzüge der in Nr. 9/10 von „La Esperantisto" veröffentlichten Prüfungsordnung werden gegen Einsendung von 20 Pfg. an Interessenten versandt. Verschiedene uns zugegangene Änderungsvorschläge haben gezeigt, daß die Prüfungsordnung über kurz oder lang noch einmal durchgearbeitet werden muß. Um dann möglichste Vollkommenheit zu erreichen und alle Bedürfnisse berücksichtigen zu können, wollen wir jetzt schon Material sammeln, das wir dann der Prüfungskommission oder einer besonders gewählten Kommission unterbreiten wollen. Zu diesem Zwecke haben wir Sonderabzüge mit breitem Rand machen lassen. Wir bitten Lehrer und in Esperanto lehrtätige Freunde, von uns diese Formulare zu verlangen und Vorschläge auf diesen Formularen uns einzureichen, damit das ganze Material in gleichmäßiger, übersichtlicher Form zur späteren Beratung vorliegt.

•

### 60. Fragebogen für das erste Halbjahr 1913.

Die Fragebogen sind an alle Gruppen des Bundes versandt worden. Trotz unserer eindringlichen Bitte

um recht baldige Rucksendung lassen es immer noch sehr viele Gruppen daran fehlen, solche Angelegenheiten mit der Pünktlichkeit zu erledigen, die unbedingt nötig ist, damit die Geschäftsstelle für andere Arbeiten Zeit und Kraft frei bekommt. Wir bitten die säumigen Gruppen daher nochmals um Einsendung des Bogens, damit wir in der nächsten Nummer eine vollständige, richtige Gruppenliste veröffentlichen können, in der alle Angaben auf Grund von uns gleichzeitig zugegangenen Mitteilungen gemacht sind.

•

## 61. Verschmelzung deutscher Esperanto-Zeitschriften.

Nachdem infolge gütlichen Übereinkommens „La Esperantisto" in „Germana Esperantisto" aufgegangen ist, hat nun auch „Germana Esperanto-Gazeto" ihr Erscheinen eingestellt und mit dem Verlage des „Germana Esperantisto" ein Abkommen getroffen, wonach es ermöglicht wird. daß der Magdeburger Verlag sich eingehend der Herausgabe des noch bei ihm vorhandenen Materials in Buchform widmen kann. Möge dies dem Verlage mit recht viel Erfolg gelingen. Andererseits ist zu hoffen und zu wünschen, daß durch einheitliche Unterstützung eines Blattes dieses recht kräftig werde und unserer Bewegung ersprießliche Dienste leisten könne.

•

## 62. Nachlieferung vom Bundesblatt 1912.

Die Vorräte des „La Esperantisto" sind an Herrn H. Hurler, Dresden, Pirnaische Straße 34, übergegangen. Gruppen, die noch einzelne Nummern zur Vervollständigung ihrer Jahrgänge oder ganze Jahrgänge wünschen, wollen sich an Herrn Hurler oder an unsere Hauptgeschäftsstelle wenden. Einige Nummern, von denen besonders große Vorräte vorhanden sind, werden zu Übungszwecken ausnahmsweise billig verkauft.

•

## 63. Internationaler und Deutscher Kongreß 1913.

Der internationale Kongreß findet nun endgültig vom 24. bis zum 31. August in Bern statt. Es ist dringend zu wünschen, daß die Anmeldungen hierzu recht bald erfolgen, damit unseren Gesinnungsgenossen in Bern, die durch die späte Übernahme des Kongresses so viel Opferfreudigkeit gezeigt haben, die umfangreichen Vorarbeiten für den Kongreß tunlichst erleichtert werden.

Der deutsche Kongreß wird in der dem internationalen vorhergehenden Woche stattfinden, und zwar vom 19. bis zum 21. August 1913. (Vergl. S. 17). Auch hier sind die Vorarbeiten durch die Unmöglichkeit einer früheren Festlegung sehr erschwert worden. Möge sich daher jeder, der den Kongreß besuchen will, recht bald anmelden, da eine rechtzeitige Übersicht über die ungefähre Anzahl der Teilnehmer wesentlich zur Erleichterung der Arbeiten beiträgt. Alle Zuschriften in Kongreßangelegenheiten sind nicht an irgendwelche Personen, sondern nur an den „Deutschen Esperanto-Kongreß 1913 in Stuttgart" zu richten.

Da der Deutsche Kongreß nunmehr Vorkongreß zum internationalen wird, so ist eine besonders rege Teilnahme von Ausländern an demselben sicher zu erwarten, ja schon zugesagt. Ein Besuch dürfte also in diesem Jahre besonders lohnend werden.

•

## 64. Kongreßbuch 1913.

Für dasselbe ist folgender Inhalt angenommen:

1. Urteile hervorragender Persönlichkeiten über den Wert einer Welthilfssprache und des Esperanto.
   - A) Historische Urteile.
   - B) Urteile des Auslandes.
   - C) Urteile jetzt lebender hervorragender Deutscher.
2. Esperanto in der Praxis.
3. Unsere Pflichten und Rechte als Esperantisten.

Damit dieser 3. Band von „Das Esperanto ein Kulturfaktor" seinen beiden Vorgängern ebenbürtig werde, bitten wir alle Gesinnungsgenossen, nach Möglichkeit zum Gelingen beizutragen.

Für 1.: durch Mitteilung von Urteilen, womöglich wörtlich in der Sprache, die der Urteilende benutzte, oder mit genauer Angabe, wo das Urteil zu finden ist. Man rege auch bei den Auslandskorrespondenten an, daß sie in ihrem Lande sich um solche Urteile bemühen. Bei weniger bekannten Sprachen ist neben dem Originaltext die Esperanto-Übersetzung erwünscht. Die Urteile werden im Kongreßbuch außer in der Originalsprache auch in Deutsch und Esperanto gegeben, so daß das Buch für ganz Esperantujo Wert hat.

Mitarbeiter für 2. und 3. sind gebeten, sich zeitig zu melden. Alle Einsendungen für das Kongreßbuch 1913 sind zu richten an Herrn Professor P. Christaller, Stuttgart, Neue Weinsteige 61, der die Redaktion des Buches übernommen hat.

•

## 65. Neue Bundesgruppen.

Für 1913 haben sich dem Bunde die jungen Gruppen in Eckernförde, Saarbrücken, Mölln und Bochum angeschlossen. Der Bund begrüßt die neuen Gruppen in seinen Reihen herzlichst und wünscht ihnen ein gedeihliches Wachstum durch gemeinsame Arbeit für unsere große Sache.

•

## 66. Beiratswahl.

Die durch Ausscheiden der Herren Elb, Dr. Kandt und Dr. Möbusz aus dem Beirat entstandenen Lücken hat der Beirat satzungsgemäß durch Zuwahl der Herren Istel, Dr. Nitz und Böbs bis zur nächsten Hauptversammlung ausgefüllt.

•

## 67. Zamenhoffonds.

| | | |
|---|---|---|
| Frl. Laura Wolf, Lommatzsch . . . | Mk. | 5.— |
| Postschaffner Schmidt für Zeitungen aus der Dublettensammlung v. Frenckell . . . . . . . . | „ | 2.50 |
| Esperanto-Gruppe Weinböhla f. Fahnenleihen . . . . . . . . | „ | 5.— |
| Paul Schmidt für Zeitungen aus der Dublettensammlung v. Frenckell | „ | 2.— |
| Bestand lt. G. E. 1912 A, S. 192 . . | „ | 3517.71 |
| | Mk. | 3532.21 |

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambau en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Preseis de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.